# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista" (IKUE) kaj de „Blanka Kruco" (internacia misio katolika)




Numero 5. 1921 | I. Jarkolekto 1921/22

# La problemo de l'Oriento.

La Oriento ekvigliĝas. Nova epoko de la homa evoluo pro tio komencas. Ĝis nun, dum pluraj miljaroj estis dormanta preskaŭ la tuta Azia Oriento, la fortoplena giganto de la terrondo. Ho, se li vigliĝas, se li ekstaras kaj komencas agadi!

Ĝis nun, dum longaj centjaroj de la historia evoluo, Eŭropo estis la centro de la mondo: Eŭropo la grandioza fabriko tutmonda, produktante preskaŭ ĉiujn maŝinojn uzatajn sur la terglobo; Eŭropo la neelĉerpebla banko de la nacioj, la universala foiro de la popoloj; Eŭropo la internacia universitato ĉiupopola, la sciencoriĉa biblioteko de la centjaroj, la admirinda museo de la kultura evoluo tuthomara. Jes, tio estis iatempe. Kaj strange! Laŭ la opinioj de multegaj blindaj Eŭropanoj ĉi tiu „duoninsuleto de Azio" ĉiam estas ankoraŭ la „umbiliko de la terglobo". Ili ne volas vidi, ke io aliigis sin sur la terrondo dum la lastpasintaj dekjaroj. Aliaj popoloj fortoplene elkreskis: ekfloris la Usonaj ŝtatoj kun siaj naturaj riĉaĵoj senbordaj, kun siaj teknikaj kaj industriaj organizacioj plej admirindaj, kun siaj grandegaj amasoj de oro kaj de argento; ekvivis Japanujo; la popoloj de la Suda Afriko komencas viglan agadon; en Hinujo kaj Hindujo sennombraj homaj fortoj longdaŭre dormintaj ekvigliĝas; kaj en Rusujo, suferanta nuntempe plej mizere, sendube sin preparas nova printempo de glora evoluo . . . Unuvorte, ekvigliĝas la proksima kaj malproksima Oriento! Kaj nia maljuna Eŭropo estas laca, lacega, disŝirita, sanganta el multaj vundoj mortigaj. La brulanta malsato malbenita je la oro de l' mondo detruis la bonan kristan koron de Eŭropo! Ĝi repaganiĝas kaj la Oriento vigliĝas!

Fortega barilo estis ĝis nun metita inter ĉi tiu landeto de Eŭropo kaj la landego de Azio: la ĉara imperio tutrusa, kunforĝata per la kruelaj katenoj de militarista sistemo tirana. Sed la milito kaj precipe la el ĝi rezultinta revolucio, la „ekvekistino de la popoloj", subite disrompis ĉi tiun barilon kaj la portoj de la Oriento baldaŭ estos malfermitaj al la okcidenta civiliza evoluo . . . ankaŭ al la katolika eklezio. Jen la plej grava, la plej decida okazintaĵo de la lastpasintaj jaroj: la malfermigo de la portoj de l'Oriento.

El ĉi tiu fakto rezultas plej gravaj taskoj por la katolikaro. La senfina Oriento enŝlosas la plimulton de la homa loĝantaro tutmonda: pli ol 100 milionoj da Mongoloj, 350 milionoj da Hindoj . . . Ho! Se ĉi tiu amaso grandega estos „civilizita" per la „trosaĝaj" Eŭropanoj, ekipita sufiĉe per kanonoj kaj fusiloj, bone instruita laŭ la militaristaj metodoj okcidentaj! Ho, se ĉi tiu amaso ekstaras tiam kiel giganta lavango, ruliĝanta senhalte okcidenten . . .! Jes, eble venos la tago, kiam la nunaj lernantoj sin ĵetos kontraŭ siaj instruistoj, kaj tiam ektimos pro la terura tertremo venonta la maljuna, malsana, lacega Eŭropo!

Sed tio estu la zorgo de la „plej saĝaj" politikistoj. Ni nur pripensu la religian problemon! Pritraktante tion, ni eble plej bone diferencu inter la proksima kaj malproksima Oriento.

Rusujo estas krista lando, komence kristanigata per katolikaj misiistoj. Sed venis la granda disiĝo, la malfeliĉa disiro de la orientaj kaj okcidentaj fratoj. Nur malgranda restaĵo, dissemita tra la tuta Oriento restis kunligita kun la Sankta Apostola Seĝo, nomata la „Greko-unuiĝita Eklezio", havanta ĝis hodiaŭ propran riton, la „orientan riton". Sed la plimulto foriris kaj forrestis. La religia centro de ĉi tiuj foririntaj fratoj estis dum la lastaj centjaroj la moskovita ĉaro, loĝinta en Petrogrado. Li ofte maluzis sian politikan potencon por subpremi la katolikajn fratojn de sia granda imperio. Sed la revolucio faligis la ĉaran tronon kaj ekskuis terure la tutan ŝtaton gigantan. Kaj nun, sur la ruinoj de la pasinta tempo komencas ekflori nova viglega vivo religia. Sed la foririntaj fratoj kvazaŭ estas sen kapo. Tre decidplena horo! Ni scias, ke la Papa eklezio neniam ĉesis preĝi kaj agadi, por reunuigi la fratojn disiĝintajn. Preĝu ni, ke ĉi tiuj klopodoj havu bonan sukceson por la gloro de Dio, por ke venu la belluma tago, kiam la orientaj fratoj streĉos la manon okcidenten kaj estos unu ŝafaro kaj unu paŝtisto!

Ĉiuokaze, la vastegaj teritorioj de la rusa lando baldaŭ estos malfermitaj al la katolika misia laboro plej granda, plej necesa kaj oni povas esperi, ke nek iu lingva nek iu politika nek iu alia vidpunkto estos malhelpaĵo. Ĉar super ĉio devas esti la regno de Dio.

Sed ni rigardu pluen! Malantaŭe de Rusujo resaniĝonta etendas sin la senfina Oriento, enŝlosanta pli ol 900 milionojn da homoj, plejgrandparte nekristaj, nekatolikaj. Ankaŭ ili vigliĝas iom post iom. Kun brulanta sopiro milionoj kaj milionoj da malsataj okuloj rigardas okcidenten, serĉante la lumon de la „okcidenta kulturo". Kiu alportos al ili ĉi tiun lumon? Li estos la ĉefestro de ĉi tiuj popolamasoj sennombraj! Ĉu ni katolikoj ĝuste komprenas nian respondplenan taskon nuntempan? Ĉi tiuj dormantaj, nun ekvigliĝantaj popoloj de l'Oriento estonte decidos pri la sorto de la homaro.

Alia tasko tre urĝa, tre pripensinda. La Oriento estas multolingva teritorio. Multaj ĉeflingvoj kaj multnombraj dialektoj plej malfacile lerneblaj tie estas troveblaj. Aliflanke la Orientano deziranta ekkoni la okcidentan civilizacion, ne povas lerni la multajn Eŭropajn ĉeflingvojn por enpenetri sufiĉe en la profundaĵojn de la Eŭropa kulturo miljara. Jen, nia helplingvo tie devas plenumi plej grandan taskon, Esperanto plej facile malfermas la portojn de la tuta okcidenta evoluo al la Oriento vigliĝanta. Jen, ili ne plu devas studi la plej komplikajn ĉeflingvojn eŭropajn kaj povas tamen agade partopreni je la riĉegaj trezoroj de la okcidenta historio. En ĉi tiu rilato Esperanto devas plenumi vere grandan kulturmisian taskon. Antaŭ kelkaj centjaroj la revolucia eltrovo de la presarto kreis tute novan periodon de la enlanda vivo popola. Per ĝi ĉiuj landanoj plej facile povis eniri en la sanktejon de la nacia kulturo. Nuntempe, en la periodo de la internacia kultura kunvivado, Esperanto devas plenumi la saman taskon. La diverseco de la lingvoj estas la malbelega barilo, kiu malpermesas al la plimulto de la homoj la eniron en la grandiozan templon de la civilizacio tuthomara. Esperanto estas la venka potenco, kiu disrompos ĉi tiun barilon kaj nun, fratoj el ĉiuj popoloj kaj el ĉiuj lingvoj povas ĝoje eniri en ĉi tiun sanktejon tuthomaran.

Tio estas la giganta tasko, plenumebla per Esperanto. Ĉu ni katolikoj sufiĉe komprenas ĉi tiun situacion? Ĉu ne estas nia plej sankta devo, tuj traduki en Esperanton la plej gravajn verkojn de nia gloroplena historio multcentjara? Ĉu ni ne devas tuj disvastigadi Esperanton precipe en la orientaj teritorioj? Ika jam multege klopodas sukcesplene, publikigi ĉi tiun ideon inter la orientaj misiistoj.

Do ni ne dormu, dum la Oriento vigliĝas! La regajno de la proksima, la misiigo de la malproksima Oriento: tio estas plej urĝa tasko katolika. Tiam venos la tago, hela de ĝojo kaj gloro, kiam en la tuta Oriento brilas la eterna lumo de la Dia vero. Tiam kantos ĝojegoplenaj la elĉielaj angeloj . . . tiam estos la belluma Kristnaskofesto de la Oriento.

Kasparo Mayr.

## La rozo.

Originala rakonteto de S. Lamp, Supra Silezio.

Estas la plej mizera ĝardeno, senluma, sensuna, malĝoja kiel maljuna virino kun zorgoplenaj okuloj kaj senridaj lipoj. Nenia mirindaĵo! Ĝi ja kuŝas ĉe malvastega stratetaĉo, malantaŭe de grandega linfabriko, kies nigrefumantaj kamenegoj ĉiutage elkraĉas karbonigrajn fumnubetojn kaj fortrinkas de la mizera ĝardeno la gajebrilantan sunhelon.

La ĝardeno havas du mallongajn vojetojn, kruciĝantajn, meze de la dezerta placo nur kelkloke kovrita de palverdaj herbaĵoj; du dornarbetaĵojn dismorditajn de sennombraj grizaj raŭpvermoj; plue siringarbetojn, kiuj neniam floras; kaj en la rondeto, kie kruciĝas la sablopalaj du vojetoj mallarĝaj, staras rozarbetaĵo, malsana pro manko de viviganta sunlumo. Malgraŭ ĝi estis zorgeme cirkaŭvindita de varmiga pajlo, ĝi tamen estis kruele frostiĝinta dum la lastpasinta vintro. Kaj nur kelkaj folioj, palaj kiel la vangoj de mortanta infaneto, ĝermis en la branĉoj kaj nur unusolan burĝonon pelis nia malfeliĉa rozarbeto, malsana pro sopiro je la varma sunbrilo kaj la azura ĉielbluo . . .

La ĝardeno apartenas al maljuna virino kaj ties filino, iom maljuniĝinta, sed florbela fraŭlino.

Ĉi tiu fraŭlino amis la ĝardenon kaj prizorgis ĝin kiel malfortan infaneton. Ŝi plantas primulojn kaj diantobedon, fabojn ĉe la malnova putra krado kaj pizon. Sed ŝi ne havis dankon. Ĉar nur la adiaŭa radio de la vespersuno trafis la ĝardenon! Sed ŝi ne forĵetis la patrinan zorgon. Ŝi iris cirkaŭe, elŝiris la malutilajn kreskaĵojn, verŝis torentojn de akvo sur la senherban teron. Precipe la rozburĝono estis ŝia plej kora zorgo, ŝia karulinfano. Ofte ŝi staris longtempe antaŭ la pala burĝono kaj trinkis kun siaj soifantaj okuloj la ĉarmetan ruĝkoloron, iom ridetis iom el la mallarĝaj fendoj de la verdaj kovrilfolioj. Pie ŝi staris kiel preĝulino. Kaj ŝi estis feliĉa! . . .

Venas junio. La suno disĵetas fajran varmegon. Jen, unumatene okazis la granda miraklo. La burĝono malfermiĝas kaj gajebrulanta rozeto, iom pala, iom malforta, ridas kaj plej ĉarma bonodoro fluas tra la mizera ĝardeno. Kaj nia fraŭlino, veninta matenfrue, miras, miregas. Ŝia koro eksaltas de ĝojo kaj ŝiaj okuloj ekbrulas kaj ŝiaj vangoj ruĝe ekfloras kiel la matenrozo ekvigliĝanta kaj tremante ŝi premas la amobrulantajn lipojn je la molaj fajroruĝaj florfolioj . . . kaj ŝi estis feliĉega!

Estas vespere. Nia fraŭlino sidas sur malnova seĝo sanĝeliĝanta apud la rozarbeto, sonĝante pri la blua ĉielo kaj ventegoriĉa maro kaj la ŝipo alportonta morgaŭ la feliĉon . . . Jen ekaperas subite malgranda knabino antaŭ la krado. Malpura vizaĝo, kovrita de karbopolvo; pli malpura vestaĵo, kies ĉifonoj flugetas ludante en la varmeta vesprevento. Sur ŝia pala frunto pendas malhela nubo kaj en ŝiaj okuloj brulas io nedirebla . . . Sendube ŝi estas malfeliĉa infano, sen suno, sen lumo, sen ĉarma ĉielbluo, malfeliĉa kiel nia rozarbeto en la plej mizera ĝardeno.

Longtempe staras la knabino je la krado kaj rigardas fikse la fraŭlinon kun la belaj blankvestaĵoj kaj la fajroruĝaj vangoj kaj admiradas la brileflorantan rozon. Tion ŝi neniam vidis ĝis nun. Neniam! Ŝi ja estas malfeliĉega knabino el la plej mizera kvartalo, kie ne ekzistas bonvestitaj fraŭlinoj kaj bele florantaj rozetoj! Kaj subite io ekvigliĝas en sia koro, iu dezirkrio nedirebla, iu malsato nekonata kaj kun tremanta voĉo ŝi ekkrias:

„Ho! Fraŭlino, donacu al mi la belan floron!"

Silento! . . . La fraŭlino ektimiĝinta miregas, ne trovas vorton. Ho fordoni la unusolan rozon!?

Kaj la knabino preĝante eklevas la palajn, senkarnajn manetojn kaj petegas kun kordisŝiranta voĉo:

„Fratino! Ho donacu al mi la belan floron!" —

Kaj nun la kruela kolero ekstaras en la koro de la fraŭlino kaj eksaltinte ŝi kriegas:

„Ho! For! For! Abomena infanaĉo! For! . . ."

Kaj la knabino foriris malrapide, paŝo post paŝo, laŭlonge de la putra malnova krado. Senhalte ŝi fiksas la okulojn je la bela rozo, kie staras la senkora fraŭlino kiel furio . . . kaj dikaj larmoj fluetas tra la malpuraj vangoj kaj la okuloj brulas de iu fajro furioza kaj en la koro okazas io terura: nesankta malbeno sin elevas kontraŭ la riĉaj fraŭlinoj, kiuj havas belajn florojn, sed malbelajn korojn . . .

Estas terura nokto. La vento kriegas kaj la fulmotondro bruas. Eklumas la mateno. La fraŭlino venas, pala, tormentita de plej malhelaj revoj . . . La rozo estas for! . . . La morto ĝin estis rompinta dum la nokta ventego. Venas telegramo: La ŝipo malleviĝis disrompita per la nokta ventego, la ŝipo alportonta la feliĉon . . . Kaj ŝi estis malfeliĉega . . .

# La nuna religia vivo en la sovieta Ruslando.

(Originala letero.)

Dank' al la revolucio nia lando tre refreŝiĝis spirite: la regnanoj tre ekŝatas la religion. La religiaj demandoj denove komencis tre interesi ilin. Bedaŭrinde mankas fervoraj predikantoj de la Dia vorto. La kontraŭreligia dekreto de la registaro ne trafis la celon. Kontraŭe, dank' al ĝi nia popolo fariĝis tre pia. Eĉ ateistoj rememoris pri Dio kaj nun vizitas preĝejojn. Laŭ la dekreto la sanktulaj bildoj kaj aliaj sanktobjektoj estis forigitaj el diversaj ŝtataj popoloficejoj kaj lernejoj. Dileĝon nun ne lernas la lernantoj en lernejoj. Ĝin ili devas lerni en siaj loĝejoj. Kiel la gepatroj tiel la infanoj lernantaj tre sopiras pri la Dileĝo.

En la jaro 1918 pastroj estis mobilizitaj por deviglaboroj. La parohanoj tre energie klopodis pri siaj pastroj ĉe la loka estraro por liberigi ilin de deviglaboroj. Iliaj klopodoj estis plensukcesaj; ĉar post nelonge la pastroj estis liberigitaj. Pastra aŭtoritato je la okuloj de la parohanoj pligrandiĝis. La lastaj nun pli estimas kaj ŝatas siajn pastrojn kaj propravole ili plenumas anstataŭ ili diversajn impostojn. Malgraŭ la revolucio la parohanoj konstruas novajn preĝejojn kaj renovigas la malnovajn. Por tiu ĉi sankta afero neniu refuzas monon kaj produktojn.

Entute — nuna tempo estas tre fervora por disvastigo de Dia regno sur la tero. Kaj ni pastroj ne devas preterlasi ĝin; sed ĉiel utiligi ĝin, predikante la Sanktan Instruon, kiun enhavas la Evangelio de la Dia instruisto Jesuo Kristo. La por si malfacilajn kaj malĝojajn tagojn la Sankta Eklezio feliĉe transvivis kaj nun refreŝigita, ĝi donos riĉan frukton. Ni esperas, ke la Eklezio, dank' al la revolucio ekfloros . . .

Pro K., Rusujo.

# Benedikto XVa kaj la orientaj eklezioj.

La Papo plimultigas la patrajn klopodojn por alligi al la Petra Seĝo per koraj ligiloj plej intimaj siajn filojn de la orientaj eklezioj katolikaj kaj por revenigi al la patrino kumuna, la sankta roma Eklezio, la orientajn popolojn, malfeliĉe forestantajn dum multaj centjaroj.

Memoru ni la plej gravajn el ĉi tiuj papaj paŝoj laŭ la franca revuo „Rome".

**1915**, la 15an de aprilo, apostola letero „Cum catholicae ecclesiae", donante pekpunpardonon al dirintoj la preĝon por la reunuiĝo de la orientaj kristanoj al la Roma Eklezio.

**1917**, la 1an de majo: Motu proprio „Dei Providentia", fondo de la sankta kongregacio por la orienta eklezio, kiu funkciadas de la 1a de decembro sekvinta. Prezidanto estas la papo mem; sekretario Msgr. Marini, la fondinto de la revuo „Bessarione",[1]) kies celo estas la reunuiĝo de la orientaj eklezioj. De ĉi tiu kongregacio dependas nun 5 apostolaj delegatujoj, 6 patriarkaj regionoj, 12 ĉefeparhioj kaj 53 eparhioj, de orienta rito, plue 8 apostolaj vikarlandoj orientritaj kaj 6 misiaj teritorioj.

La 15an de oktobro motu proprio: „Orientis catholici", kreo de la papa lernejo por orientaj studoj, malfermita same al la katolikoj kaj „ortodoksuloj" orientaj.

**1918**, la 7an de julio: Aŭdienco de la kongregacio de la armenomehitaristaj monahoj de Venezio. La Papo laŭde parolis pri Mehitar (1676—1714) kaj denove esprimis sian bonkoran amon por la orientaj eklezioj.

La 15an de novembro: La s. kongregacio de la propagando interkonsentas kun la kongregacio de la orienta eklezio por preni gravajn decidojn pri gereligiuloj orientaj.

**1919**, la 26an de februaro: Letero permesanta al la Aŭgustinanoj de l' Asumpcio, revenintaj dum la milito al la latina rito, transiri denove al la orienta rito. Ili laboris kaj laboras ageme por realigi la intencojn de la glora papo Benedikto. Misiajn domojn kaj lernejojn ili posedas en Bulgario, Turkio, Grekujo.[2])

La 10an de marto: Konsistorio; la papo dediĉas sian alparoladon al la „aferoj de la kristana oriento".

La 19an de marto: Solena akcepto de armenia patriarko de Cilicio kai de 200 katolikoj de diversaj orientaj ritoj.

La 3an de julio: Konsistorio; papo pronunciinte funebran laŭdon de la mortinta greko-melkita patriarko de Antiohio salutas ties posteulon donante al li la „paliumon". Post nelongatempe la papo ricevis lin en solemna aŭdienco kune kun multaj eminentuloj de orientaj eklezioj.

La 5an de oktobro: Papa letero: „Apostolorum principi Petro" proklamante kiel doktoron de l' eklezio la sanktan Efremon de Sirio. La medalo kreata ĉe tiu ĉi okazo montras la S. Hieronimon kaj la S. Efremon, t. e. la latinan kaj orientan eklezion.

**1921**, la 24an de februaro: Letero „Il dolore", adresata al Msgro. de Szeptychyi, ĉefepiskopo de Leopol pri restarigo de rutena lernejo en Romo. La papo rememoras la deziron de Urbano VIIIa, deklarante ĝin kiel sian propran: „Mi esperas, ke de vi, miaj karaj rutenoj, la oriento konvertiĝos".

La 28an de junio: Benedikto XVa, akceptas en solena aŭdienco la Sirian patriarkon, akompanitan de multegaj eminentuloj de la orientaj ritoj, kiuj dankis al Lia Papa Moŝto per letero latine skribita por la proklamo de la S. Efremo kiel eklezian doktoron kaj por la donaco de roma preĝejo al la Sirianoj.

Respondante la papo esprimis sian ĝojon kaj esperon, ke la disigitaj fratoj baldaŭ revenu al la komuna sankta eklezio. Tiu ĉi aŭdienco havis la plej grandan signifon . . .

Nur kelkajn plej gravajn paŝojn de la Sankta Apostola Seĝo ni povis mencii ĉi tie. Eble ili ŝajnas malgravaj al kelkaj niaj legantoj. Tamen ili klarege montras la vere patran zorgemon de la papo por reunuigi ĉiujn kristanajn infanojn de la mondo, kiu eĉ ne la plej malgrandan okazon preterlasas, por esprimi sian plej varman sopiron por la unueco. Dio donu plensukceson!

Max Roub.

[1]) La nomo devenas de la famkonata kardinalo Bessaroni, laborema pioniro de la reunuiĝo.

[2]) La misioj nur laboras per la monhelpo de la fideluloj. Donacojn akceptas R. P. Gerald Ramboux, 14 Halfstraat, Leuven, Belgujo.

# Jen la Komunistoj . . .!

Laŭ la ĵurnalo „Pravda" 15 komunistaj partioj kun 2,800.000 anoj aliĝis ĝis nun al la Komunista Internacio en Moskovo. Inter ili troviĝas el Rusujo 500.000, Germanujo kaj Ĉehoslovakujo po 360.000, Francujo 130.000, Norvegujo 97.000, Italujo 70.000 ktp.!

La Internacio de la Komunista Junularo laŭ la lastaj sciigoj havas pli ol 1,000.000 organizitaj membroj. 351 komunistaj ĵurnaloj aperas en la mondo; ĉiulande estas sekretariejoj kaj propagandejoj . . .

Jen la grandioza ruĝa armeo kreskante ĉiutage tra la tuta mondo . . .

Kaj ni katolikoj? Pripensu ni bone! Plej granda parto de ĉi tiu armeo brulas de entuziasma fajro, estas eĉ preta oferi la ruĝan sangon por sia idealo! Kia estos la fino? Ĉu Ika estas necesa?

M. Roub.

# Atentu!!

Ni urĝe petas neniam pagi monon por Ika aŭ Paŭlus-Eldonejo per poŝtavizo aŭ per bankĉeko en aŭstra mono; ĉar per tio ni perdas grandegajn sumojn. Oni sendu monon nur per enskribita letero en **naciaj bantbiletoj** aŭ per bankĉekoj skribitaj en **fremdnacia** (**ne** en aŭstra!) monvaloro.

# Celo de la nuntempa edukado en Hispanujo.

(Bildo el la lernejo-batalado de la hispanaj katolikoj.)

Tial ke la edukado kaj instruado devas esti la fundamento de la renovigo de l' mondo, komencante de la unuagradaj lernejoj, mi iris al la Centra Normala Lernejo por Instruistoj por viziti la vere eminentan praktikan katolikon, mian multjaran amikon, Pron Dron Manuel Fernandez-Navamuel, estonta Direktoro de la suprenomita lernejo jam proponita de la profesoraro. Li korege manprenis min kaj tuj bonvole sin metis je mia dispono demandante min, „kion vi deziras de via antikva maljuna amiko?" Mi lin respondis dirante, bonvolu, karega amiko, doni al mi kelkajn sciindaĵojn pri la nuntempa stato de la Pedagogia Edukado en Hispanujo. „Malbonan konsiliĝanton vi trafas, amiko mia, ĉar mi ne atingas eĉ la duonon de la eminentula pinto kaj tiujn demandojn pritraktas altrangaj eminentuloj; sed, se vi volas, ni havos mallongan amuzan babiladon, parolante pri la celo de la nuntempa edukado en Hispanujo."

„Ĉu ĝi daŭras inspirata de la klasika kaj tradicia idealo?" — „Malfeliĉe ne; kiam oni rigardadas la estinton, oni rememoras ĉagrenege tiujn katedralajn, abatejajn kaj paronejajn lernejojn, en kiuj, kiel vi scias, la infanaro kaj la junularo ricevis la panon por la korpo kaj la nutraĵon por la animo, ambaŭ spicitaj, la unua per la salo de la tero, kaj la dua per la ŝmiraĵo de la Dia graco; sed ĉio tio malaperis, ĉar la arbo, kiu donis riĉegajn kaj bongustajn fruktojn, vastigadis siajn radikojn tra la kampo de la fido kaj trovadis sufiĉegajn superverŝojn en la fluakvamaso de la kristana karito; kaj niatempe la atakegoj de la malvirto, de la ambicio, kaj de la diboĉo estas rompintaj la kontraŭpuŝigantajn murojn, devojigante la fluojn, kaj la ventoj de la diboĉado malligitaj je la nomo de malvera standardo de la libereco, kiu ne povas havi alian veran krom la kruco, estas debranĉigintaj tiujn foliplenajn branĉojn, antaŭe tiel fruktodonajn, kiuj samtempe ŝirmis la homaron sub sia foliaro kaj parfumis la socian atmosferon per la aromo de la kristanaj virtoj. Hodiaŭ prosperas nur la semado, kiun oni kulturas en la kampo de la malbono."

Kiel? Ĉu oni ne laboras katolike? . . .

„Hodiaŭ jes, oni laboras iom, kvankam multe malpli ol estas nia devo; multaj jaroj trapasadis en malagema nenion farado, en kiuj oni forlasis la batalkampon, kaj tial, la publikaj institucioj, kiuj okupas sin kun la instruado, pasis al la submetiĝo de la kontraŭuloj, reprezentitaj precipe de la „Libera Institucio por Instruado", hispana burĝono devena de fremdaj institucioj, kiu konkeris la Konsilantaron de la publika instruado, la oficdonon de la tribunaloj por la konkurantoj al la instruaj kaj administraj oficoj en ĉiuj ĝiaj gradoj, kaj la sufiĉegajn ĉapitrojn de la nacia budĝeto, kiun pagas la katolika popolo por ke oni ĝin senkristianigu propramone. En tia fandpoto fandiĝis kaj en tia modelilo modeliĝis la idealoj de la patruja edukado, kaj ne havis la pasporton aliaj krom la sanktoleitaj de la sanktoleo de la teoria kaj praktika ateismo, bazata sur la plej rafinita nekredemo."

„Kaj la Profesoraro de la Normalaj Lernejoj . . .?"

„Ĉi tiuj edukejoj, modelistoj de la nacia instruistaro, estas dekapitigitaj akademike de antaŭ kelkaj jaroj per la forigado de la ‚Normala Grado', kiu estis la doktoreco de iliaj studoj, por poste krei kapon sen korpo, kiu ĝin subportas, ‚La Lernejo de la Superaj Studoj por la Instruistoj', el kies lernsalono tre malmultaj eliras pensante kaj sentante kristane kaj tre multaj, kiuj plenigitaj je perturbantaj instruoj, ilin disvastigadas tra la tuta lando; ĉar la normala profesoraro, kaj la unuagrada inspektoraro estas nutritaj, kaj eĉ nutregitaj de apostoloj de tiel malutila kredado."

„Ĉu, starigis ĉi tiun lernejon la radikala partianaro?"

„Ne, tute kontraŭe. Sro Rodriguez Sampedro, treege konata kaj laŭdegata en la katolika partio; sed li estis trompita de siaj propraj amikoj, al kiuj li sin fidis, ĉar oni proponis al li kontraŭkatolikan profesoraron kune kun malmultaj bonaj kredantoj, kaj eĉ kelkaj el ĉi tiuj fariĝis servantoj de siaj malamikoj, restante la aliaj kiel subportiloj kaj ŝajnigaj kovriloj, por ke ĝi estu konservita de ĉiu neniiga intenco."

„Kaj kion vi diras al mi pri la Universitata Aŭtonomio?"

„Treege malmulte; ke hodiaŭ neniu ĝin volas, eĉ ne tiuj, kiuj antaŭe laŭtkriege pli ol plenvoĉe postulis ĝin."

„Kiamaniere estas tio?"

„Tre simple; ili esperis, ke oni ĝin donos al ili sufiĉege dotita, kaj tial ke ili ne trovis, kion ili serĉis, kiam oni prezentis al ili la fianĉinon sen amindumanto, oni turnis al ŝi la ŝultrojn; tio ne estis ama edziĝo, sed rafinita ambicio."

Ĉu ne estis aŭtonomaj kaj memstaraj niaj antikvaj universitatoj?"

„Bonvenintaj estu tiuj gimnazioj de la universitato de Alcala kaj de Salamanca, kiuj sciis fariĝi demokrataj, saĝaj kaj riĉaj, ĉar ili naskiĝis je la varmo de la Dia kaj homa amo, kaj nun la universitata aŭtonomio leviĝas impulse de la malvarma blovo de la materia pozitivismo, por ke la hispanaj universitatoj aliformiĝu baldaŭ, tre baldaŭ, per la rajtoj al ili donitaj, kaj fariĝu docentaj kantonoj, kaj familiaj feŭdoj, sekvataj de generalogiaj dinastioj de kaj por la profesoroj, sed ĉiam post la produktado de gravegaj danĝeroj . . ."

Pro Mariano Mojado.

# La venko de l' Katolicismo.

La terura milito tutmonda kaj la el ĝi kreskinta revolucio ekskuis la tutan internan konstruon de l' Eŭropo kaj kreis spiritan ĥaoson grandegan. Moralaj potencoj, religiaj direktoj, kiuj antaŭ la katastrofo estis influegaj fortoj en diversaj ŝtatoj, disfalas rapide kaj la plej fortaj, la plej sanaj potencoj internaj mirinde ekfloras el la kruelaj ruinoj. Ĝoje ni povas konstati, ke la revolucio, eĉ en landoj, kie ĝi ne estis rekte, detruis multajn barilojn kaj kreis liberecon por sendependa evoluo de la katolika eklezio, dume la protestantismo, disfalanta en multegaj sekcioj ofte disaj, per la revolucio perdis unu el siaj plej firmaj fortikaĵoj, nome la Prusan reĝtronon, kiu estis samtempe la ĉefestro de la germanlanda protestanta eklezio. Ĉi tiu perdo rapidigas la disiĝon de la protestanta eklezio.

Unu el la plej fervoraj kaj simpatiaj protestantoj, Dro Jäger, skribas pri tiu gravega temo en la revuo „Bethel":

„Kun la Prusa reĝtrono kaj la ceteraj tronoj ankaŭ la germanlandaj evangeliaj eklezioj tute disrompiĝis. Ĉiuj provoj, ilin apogi per religiaj aranĝoj kaj eklezia interligo malsukcesos. Nur tutnova movado de l' energia kristanismo traflueganta la tutan popolon povas krej la novan vivantan popoleklezian germanlandan. La protestantismo estas je la fino. Ĉian heredaĵon havos Romo, kies ordenoj senhalte marŝas antaŭen en Norda Germanujo, en Nederlando, en Danujo. En Ruslando kaj Balkanujo novaj eparhioj elkreskas. Ĉe la tutmondaj registaroj la Roma Papo estas tute kompreneble la unueca reprezentanto de la kristana eklezio. La konscio de l' venko estas tiom granda inter la romkatolikoj, ke oni jam diris en katolikaj universitaturboj, post dek jaroj Germanujo estos romkatolika.

Aliflanke la evangeliaj eklezioj anglalingvaj en Usono unue interligiĝis, kaj poste la anglaj. Hodiaŭ oni buŝe intertraktas pri la unuigo de ambaŭ eklezioj nomitaj. Nun oni diskutas, ĉu la ĉefepiskopo de Canterbury aŭ la gvidanto de la laika movado Usona estos la ligprezidanto... Samtempe en la orienta Eŭropo ekstaras la greka eklezio, pereigita per la ventegoj de l' milito kaj de la revolucio, ankoraŭ ne decidinte, ĉu ĝi streku la manon Vaŝingtonon aŭ Romon . . . En la malproksima oriento tamen kaj en la Suda Asio prepariĝas gravaj interligiĝoj de la buddhaana kaj hinduana paganaroj kaj de la islama mondo . . . Sendube, nun oni decidas pri la homaro kaj pri la regno de Kristo aŭ Antikristo."

Sendube neniam la situacio estis tiel favora al la enlanda kaj paganlanda misioj katolikaj ol hodiaŭ. La pordoj de la tuta Oriento baldaŭ estos malfermitaj! Senfina misia kampo! Do formu ni la pacemajn armeojn! Ni unuigu nin! La tago de l' venko estas veninta!

K. M.

(Tradukebla por naciaj gazetoj.)

# La dua Internacia Laborkongreso Katolika en Luxembourg.

La 30an de julio ĝis la 3an de aŭgusto 1922.
1a komuniko.

Kun aprobo de Lia Episkopa Moŝto Dro Nommesch de Luxembourg la dua internacia laborkongreso katolika, samtempe la 8a kongreso internacia de la katolikaj Esperantistoj kaj la 2a internacia kongreso de la Mondjunularo Katolika (Moka), okazos en Luxembourg, la belega ĉefurbo de la samnoma ŝtato neŭtrala en la mezo de Eŭropo.

Kore ni invitas ĉiujn katolikojn, ĉiujn katolikajn organizojn kaj instituciojn, precipe ĉiujn katolikajn samideanojn, multnombre partopreni al nia dua kongreso.

La Luxembourga kunveno devas esti la plej grandioza demonstracio de la belege ekfloranta internacia movado katolika. Ni devas montri al la tuta mondo, al la tutmonda katolikaro, ke Ika vivas, sed ne nur vivas, ankoraŭ laboras plej efike.

La sukceso tamen ne venas de si mem. Agada kunhelpo de ĉiuj samideanoj estas necesega devo. Jen la du ĉeftaskoj precipe plenumindaj:

1e. La propaganda servo: Bone ordigita kaj senĉesa propagandado estas plej necesa. Ĉiu katolika gazeto devas pli ofte esti informata pri la kongreso, pri la programo, la ĉefaj konferencoj, la temoj pritraktotaj ktp. Ĉiu nacia katolika organizacio aŭ instituciο pligrava, plue influhavaj personoj de la nacia katolika agado devas esti invitataj. La nacia direktoro sole ne povas fari ĉion. La delegitoj kaj propagandistoj do kore estas petataj kunhelpi. Nacilingvaj invitoj (angla, franca, germana, itala) estos presigotaj. Oni jam nun mendu per poŝtkarto.

2e. Financa subteno: Kompreneble la preparo kaj aranĝo de la kongreso kaŭzas multegajn elspecojn. Do financa subteno estas plej urĝa devo, kaj ĉiuj samideanoj kore estas petataj ne nur donaci mem monon aŭ subskribi la garantian fundon, sed ankaŭ elpeti laŭpove kunhelpon de bonhavaj samkredanoj.

Do anoncu vin jam nun! Ĉiuj samideanoj pagontaj la kongreskotizon, kiuj ne persone povas ĉeesti la kongreson, ricevos la raporton presigotan esperebIe pri la Luxembourga kunveno.

Ĉiuj detalaj informoj pri la ĉefaj konferencoj, pri la kotizoj, loĝigo ktp. estos publikigataj en la sekvonta numero.

Sinanoncojn, monsumojn (N. B.! nur en ĉies naciaj bankbiletoj aŭ naciaj ĉekoj vendeblaj eksterlande), oni sendu sub „kongreso" al Ika, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo.

Garantia fundo. 1a listo: Blanka Kruco (enlanda misio) 10.000 aŭstr. kr.; Dro Metzger, Graz, 1000 aŭstr. kr.; Kasparo Mayr, Graz, 1000 aŭstr. kr.; Hanns Sappl, Graz, 1000 aŭstr. kr.; Katolika Esperanto-societo p. a. c., Graz, 500 aŭstr. kr.; Moka, Graz, 500 aŭstr. kr.; IKUE, Graz, 500 aŭstr. kr.

Mondonacoj 1a listo: Dro Metzger, 500 aŭstr. kr.

## Kiu ŝtelas al ni tempon kaj monon?

Kiu ne legeble skribas la adresojn, la kartojn, la leterojn, la artikolojn. Kiu ne algluas la por la eksterlanda interrilato necesajn poŝtmarkojn.

La internacia porpaca kongreso en Luxembourg, 10—14an de aŭgusto, aranĝita de l' Unio internacia de la porpacaj ligoj naciaj (sidejo en Berno, Svisujo), kie estis reprezentataj la delegitoj de ĉiuj naciaj porpacaj unuiĝoj. Frata-maniere oni pritraktis la pacan problemon tutmondan, kaj reorganizis la internacian movadon. La katolikoj estis reprezentataj per la „Mondpaca Ligo Kruco-Blanka".

La 16a internacia kongreso kontraŭ la alkoholismo, 23—27an de aŭgusto en Lausanne, Svisujo. La kongreso detale pritraktis la problemon de l' energia batalo kontraŭ la alkoholismo. Precipe interesa estis la raporto de l' Usona reprezentanto, kiu klarigis la multajn malverajôjn, disvastigitajn per la alkohola kapitalo en la tuta mondo, pri la ŝtata malpermeso de l' alkoholaĵoj en Usono. La katolikaj pastroj ĉeestantaj pritraktis la fondon de internacia kunligiĝo de sobrulaj pastroj katolikaj.

Samtempe en Stockholm okazis la Interparlamenta konferenco, kunvokita de la Unio Interparlamenta (fondita 1889 en Stockholm), kiu ampleksas reprezentantojn el ĉiuj parlamentoj kaj politikaj partioj de l' mondo. Krom kelkaj ŝtatoj, kiuj el politikaj kialoj ne partoprenis, ĉiuj aliaj oficiale estis reprezentataj, kaj la sukceso estis sendube belega. La ĉeestantaro pritraktis en prudenta, tamen konfidema maniero preskaŭ ĉiujn gravajn problemojn de la nuna politiko; ĝi rekonis Ligon de la Nacioj, kiu tamen devas esti perfektigota kaj malfermota same al ĉiuj ŝtatoj; ĝi energie postulis, ke fine la internacia juro devas anstataŭi la brutan politikon perfortan, ĝi pritraktis la perfektigon de la internacia laborĵficejo en Genevo, ĝi postulis la senarmigon ĝeneralan kaj la kreon de internacia oficejo por peradi okaze de politikaj aŭ ekonomiaj konfliktoj interŝtataj. Sendube tiu-ĉi konferenco, kie parlamentanoj ĉiulandaj povis interpritrakti persone, havas la plej grandan signifon por la estonto.

## Esperanto kiel lingvo de l' katolikaro.

P. H. Gruber, S. J., la famkonata verkisto kontraŭ la framasonaro, skribas en artikolo pri „Laŭtempa finkonstruado de la tutmonda organizacio katolika" jene: Esperanto estas vere facilege lernebla. Mi mem povis konvinkiĝi pri tio. Kiam komence de aŭgusto 1921 mi ricevis la unuan numeron de la nove fondita internacia katolika gazeto „Katolika mondo", mi, jam trapasinta la 70an jaron, post kvinhora studado de la Esperanto-lernolibro de Schamanek (Graz, Paŭlus-Eldonejo, Karmeliterplatz 5) povis legi kaj kompreni la en Esperanto skribitan gazeton sen malfacilaĵoj. — Kia faciligo de la internaciaj rilatoj de la katolikaro estiĝus, se la katolikoj en ĉiuj landoj lernus la belan lingvon Esperanto!

## La Papo kaj la Washington'a konferenco.

Benedikto XVa, la papo de la paco, ne laciĝas admoni la popolojn kaj la ŝtatestrojn, ke ili per ĉiuj iloj alceladu la ĝustan kaj daŭran pacon. Nenian okazon li preterlasas, por esprimi ĉi tiun plej fajran sopiron de sia patra koro kaj uzi la tutan papan aŭtoritaton por servi al la repaciĝo de la nacioj.

Pro tio ne estas mirinde, ke la sankta apostola seĝo plej fervore subtenas la de prezidanto Harding kunvokitan konferencon en Washington. Jam komence la kardinaloj Gasparri kaj Gasquet per speciala telegramo al „New York World" esprimis tutklare sian privatan opinion pri la konferenco. Poste Sro Enrico Pucci en „Corriere d' Italia", kiu gazeto ofte redonas la opinion de la apostola seĝo, per tre detala artikolo pritraktas la Washington'an konferencon. Priskribinte la malfacilaĵojn sennombrajn, li konstatas, ke sendube estas ĝenerala deziro de la nacioj, solvi la internaciajn konfliktojn ne plu per sangoruĉaj armiloj, sed per la internacia interkonsentiĝo pacema. Plue li precipe akcentas, ke estas plej urĝa devo de la katolikaro, alceladi la daŭran pacon laŭ la principoj plej ofte ripetitaj de Lia Papa Moŝto: la ĝenerala senarmiĝo kaj la kreo de deviga internacia tribunalo arbitracia, principoj, kiuj estas detale klarigitaj en la admirinda papa cirkulero de Pentekosto 1917. Ĝis nun la Apostola Seĝo ne ŝanĝis la opinion pri tio.

Por esprimi tamen antaŭ la tuta mondo la varman simpation por la porpacaj klopodoj Lia Papa Moŝto mem sendis koran telegramon al prezidanto Harding, esprimante la esperon, ke la konferenco bone sukcesu en la intereso de la paco tutmonda. M.

## Le evoluo de la laika diakonato en Anglujo.

Certe la konferencanoj de Graz bone memoras la entuziasman paroladon de Dro Arendzen pri „Catholic Evidence Guild".

La 4a jarkunveno de la Gildo okazis la 21an de oktobro 1921. La kardinalo mem prezidis. El la raportoj oni vidis la admirindan progreson kaj la senlimajn eblecojn de progreso je la laika apostoleco. Gravegan elparoladon faris la kardinalo, kiam li definis la pozicion de la Gildo laŭ la eklezia juro, donis al la membroj la titolon „Westminster-Eparĥiaj katehistoj" kaj nomis du pastrojn kiel siajn anstataŭantojn. Tiel la agadaj membroj de la gildo fariĝas laik-helpantoj de la episkopo de sia eparĥio, ofico preskaŭ tre respektinda kiom la eklezio mem. Lia kardinala moŝto diris: „Por la disvastigo de la katolika eklezio en ĉi tiu lando, mi scias nenian signon pli kuraĝigan ol la disvastiĝo de la „Catholic Evidence Guild". — Sendube la oficiala aprobo de laikaj katehistoj kiel helpistoj en la prizorgado kaj gajnado de la animoj estas la plej granda sukceso de la moderna eklezia evoluo. La grandanima Kardinalo Bourne kreis institucion, kiu devas plenumi la plej urĝan taskon por la rekristaniĝo de la kulturnacioj modernaj. Hookham.

## La katolika adresaro tutmonda.

La nombro de la katolikaj Esperantistoj estas multe pli granda ol oni ĝenerale supozas. Sed bedaŭrinde mankas ĝis nun la ordigita kunhelpo. Tial tutmonda adresaro estas plej necesa.

## Tutmonda adresaro.

**Ĉu vi jam sendis vian adreson?**
**Ĉu vi jam sendis la adresojn de la katolikaj Esperantistoj konataj al vi?**

Se ne, skribu tuj sub **„Adresaro"** al Ika. — **Sed skribu legeble!**

Unue la samideanoj diverslandaj tiam fakte povas facile interrilatiĝi. Due ni povas montri al la ekleziaj aŭtoritatoj, ke ni estas granda, forta armeo, ke niaj rilatoj praktikaj etendas sin tra la tuta terrondo. Trie la adresaro estos la fundamento por la universala adresaro katolika, kion ni intencas eldoni post sufiĉe diligenta preparo.

Sed la adresaro ne fariĝas de si mem. La redaktoro ne povas „suĉi la adresojn el la fingropintoj". Ĝenerala kunhelpo estas necesa. Ĉiu devas sendi la adresojn de katolikaj Esperantistoj, kiujn li konas! Ĉiu devas skribi la senditajn adresojn legeble!

Ĉiu esprime diru, ke li estas preta, kunlabori kiel Ika- aŭ Moka-delegito! Ĉar ni intencas aldoni la delegitaron.

Fine ni devas peti la samideanojn, ke ili havu iom da pacienco. La eldono de la adresaro kaŭzas multege da tempo kaj mono. Pasas monatoj ĝis kiam venas la adresoj kolektotaj en Aŭstralujo, Usono ktp. Tamen oni jam nun povas antaŭmendi la adresaron, por ke ni povu fiksi la proksimuman nombron de la ekzempleroj presigotaj. Nur tiam estas eble fiksi la prezon.

## El la internacia vivo.

Kvankam la ŝovinismo, kiu tute ne volas kompreni la internaciajn, vere kristanajn postulojn de la nova mondordo, malfeliĉe estas kreskanta en preskaŭ ĉiuj ŝtatoj, ni tamen kun granda ĝojo povas konstati, ke la internacia ideo marŝas bonege. Preskaŭ ĉiuj antaŭmilitaj organizaĵoj kai institucioj internaciaj denove komencas sukcesplene labori. Preskaŭ ĉiusemajne oni aŭdas pri internaciaj konferencoj aŭ kongresoj. Ni ĉi tie nur mencias kelkajn gravajn.

La kongreso de la internacia virina unuiĝo por paco kaj libereco, okazinta en julio en Vieno. Detale pritraktinte la problemon de la internacia paco ĝi akceptis tre klaran resolucion, petante la virinojn de la tuto mondo kunhelpi al la repacigo de la popoloj.

La internaciaj konferencoj en Bilthoven, Nederlando, aranĝitaj de la „internacia movado por Kristana Internacio". Tiu ĉi interesega movado, bazita sur absolute krista principo de paco kaj karito kaj disvastigata en la tuta mondo, ampleksas ĉiujn renovigajn movadojn kristanajn ekzemple la kvakerojn, la „frataron de repacigo" (fellowship of reconciliation) ktp.

## Mondjunularo Katolika (Moka).

**Centra Oficejo: Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5.**

**Celo:** Internacia kuniĝo de la katolika junularo tutmonda, por kunhelpi je la kreo de potenca universala katolika junula internacio, por kunlabori al la repaciĝo kaj interkompreniĝo de la popoloj sur la bazo de praktika kristanismo. Realigo de komuna lingvo por doni al la ligo kiel eble plej grandan unuecon kaj fortecon.

**Specialaj taskoj:** *a)* Faciligo de internacia kunlaboro de la katolikaj junulaj organizoj pere de la Moka-delegitoj, ekzistante nun en preskaŭ ĉiuj landoj.

*b)* Eldono de internacia katolika junula organo, eventuale kiel aldono al la jam ekzistantaj naciaj ĵurnaloj junulaj kun regulaj raportoj el la internacia katolika junula movado.

*c)* Kreo de internacia katolika junula eldonejo.

*d)* Kunhelpo en la aranĝo de internaciaj katolikaj junulaj kongresoj por la komuna pritraktado de la plej gravaj katolikaj junulaj problemoj.

*e)* Realigo de internacia leterŝanĝado inter katolikaj gejunuloj por doni al la katolika junularo okazon, reciproke interŝanĝi ideojn kaj pensojn.

**Organizo:** Nacia organizo: En ĉiu lando ekzistas landa komitato aŭ landa delegito de Moka. Ili havas la taskon organizi praktike la junulan laboron en la senco de Moka kaj interkonsente kun la ekzistantaj junulaj organizoj. Plue li zorgu, ke estu starigataj lokaj delegitoj en la plej gravaj urboj.

La internacia organizo konsistas el protektoro (nuntempe lia episkopa moŝto Grafo Gustavo Karlo Majlath, Transsilvanio), el honora prezidanto (lia prelata moŝto Dro A. Giesswein, Deputato, Budapest) el prezidanto (Prof. W. Arnold, Zug, Svisujo) kaj el ĝenerala sekretario kaj afergvidanto (Prof. h. c. Hanns Sappl, Graz, Aŭstrujo). Krom tio ekzistas internacia komitato, konsistante el reprezentanto de „Internacio Katolika" (Dro M. J. Metzger, Graz, Direktoro de IKAZ.) kaj el po unu reprezentanto de Hollando, Hispanujo, Francujo, Italujo, Germanujo, Belgujo.

**Membreco:** Aktivaj membroj: Scipovo de la liga lingvo Esperanto estas dezirinda; kotizo libervola, sed ne malpli ol tri Sm. laŭ nacia valuto.

Subtenantaj membroj: Individuaj membroj kaj katolikaj organizoj junulaj, kiuj pagas libervolan jaran kotizon por la elspezoj de la ligo.

**Sukcesoj:** 100 delegitoj en 15 landoj;

Landaj sekretariejoj en Holando, Hispanujo, Polujo, Germanujo, Italujo, Ĉeĥoslovakujo. Ili regule raportas pri la progresoj de la katolika junula movado kaj liveras tiamaniere valoran statistikan materialon.

Leterŝanĝejo: Centoj de katolikaj junuloj jam partoprenas kaj korespondas kun aliaj katolikaj junuloj en la plej diversaj landoj. Internacia katolika junula organo: La antaŭlaboroj estas jam komencitaj. La provizora oficiala organo de Moka estas „Katolika Mondo" eldonata en Graz. Ĝi estas skribita tute en Esperanto kaj regule publikigas artikolojn pri la internacia katolika junula movado.

Junulaj kongresoj internaciaj: La unua internacia katolika junula kongreso okazis en Graz, aŭgusto 1921. Partoprenis junuloj el dek landoj. Oni parolis nur en Esperanto. La atingitaj rezultatoj estas ĉiurilate kontentigaj.

P. S. Tiu flugfolio estas ankaŭ havebla en lingvoj franca, itala kaj germana.

### Diversaj komunikoj de la Centra Oficejo.

Paŝo post paŝo la Moka-ideo enradikiĝas en la katolika junularo tutmonda. La intereso por nia movado preskaŭ ĉie kreskas. La delegitaro ĉiulanda pligrandiĝas kaj en mallonga tempo Moka starigis novajn delegitojn en Germanujo, Italujo, Polujo ktp. Kun similaj resp. iom samtendencaj movadoj ni kunelaboros por kunhelpi krei per klara, celkonscia praktika laboro universalan, unuecan kaj potencan katolikan junulan internacion.

Antaŭ kelkaj semajnoj mi estis en la ĉefurbo de nia lando por raporti al lia kardinala moŝto Dro F. G. Piffl, ĉefepiskopo de Vieno, pri nia movado. Kardinalo Piffl interesiĝis pri Moka kaj donis al mi la benon por mia ĝenerala agado por la katolika junula kaj Esperanto-movado. — La ĉefdelegito de Moka en Vieno fervore laboras kaj edukis jam kelkajn Moka'anojn en vera kristana spirito. En Januaro estas planita granda propagando.

La eldono de la adresaro kun ĉiuj Ika- kaj Moka'anoj iom prokrastiĝos, ĉar Moka, kune kun Ika kaj IKUE volas eldoni grandan kompletan adresaron, enhavante ĉiujn adresojn de la tutmonda katolika Esperantistaro. Mi petas ĉiujn Moka-grupojn sendi al mi kiel eble plej baldaŭ la kompletan liston de la grupanoj kaj de ĉiuj Esperantistaj katolikoj konataj al ili.

Mi ankoraŭ atentigas je la eldonita propaganda materialo. Ĉe la centrejo estas nun havebla flugfolioj (dupaĝaj) en lingvoj Esperanta, franca, germana, itala kaj hispana. Tiuj flugfolietoj speciale taŭgas por ampleksa propagando kaj ĉiu delegito mendu certan kvanton por relative malalta prezo. Plue aperos en kelka tempo grava broŝuro en germana lingvo „Ni katolikoj kaj la internacia junula movado" kun antaŭparolo de la protektoro episkopo grafo Majlath. Ĝi pritraktos la tutan junulan movadon internacian. Baldaŭa mendo de la germanlingvaj delegitoj estas rekomendinda.

Fine mi uzas la okazon por deziri al ĉiuj kunlaborantoj, delegitoj ktp. de Moka ĝojan kristnaskon kaj feliĉegan novan jaron, esperante, ke ĉiuj kiel ĝis nun, ankaŭ estonte fervore kunlaboros je la beno de nia sankta afero.

Hanns Sappl, ĉefsekretario de Moka.

## El ĉiuj landoj.

**Kiom da katolikoj sur la terrondo?** Laŭ la lastaj statistikaj denombradoj oni taksas la tutan nombron de la Kristanoj je 683 milionoj: inter ili 305 milionoj da katolikoj, 220 milionoj da protestantoj, 158 milionoj da ŝismatikoj. Plue oni nombras 1043 milionojn da nekristanoj! Inter ili 230 milionoj da mohamedanoj, 200 milionoj da konfucianoj, 300 milionoj da buddhanoj! — Kiom necesaj do enlanda kaj fremdlanda misioj katolikaj por alporti la lumon de la Dia Vero al „ĉiuj kreitaĵoj"!

**Skotlando.** La nombro de la katolikoj plimultiĝis dum la pasinta jaro je 43.000, ensume nun 603.000. Tre vigla agado, precipe en la ĉefeparĥio Glasgow, kie hodiaŭ laboras 6 viraj kaj 11 virinaj ordenoj.

**Hindujo.** Sub la pretoktorato de la ĉefepiskopo de Bombay fondiĝis „eŭropa katolika unuiĝo", enhavanta nur katolikojn de Eŭropo kaj Usono. La ĉefa celo estas la reciproka alproksimiĝo de la katolikoj diverslandaj.

**Ĥinujo.** La katolika misia movada ĝenerale progresas bone. La per la revolucio kreata konstitucio rekonas la religian liberecon. La konfucianismo ĉesas esti ŝtata religio. La katolikaj lernejoj estas absolute liberaj. La oficistaro favoras ĝenerale la misiojn.

**El Nederlando.** Katolika universitato. En Nederlando, kiu havas 6—7 milionojn da loĝantoj, troviĝas du milionoj da katolikoj. La kvin ŝtataj universitatoj estas „neŭtralaj" t. e. ofte kontraŭeklezia]. Tial la katolikaj studentoj ofte estas devigataj aŭdi la nekristanajn profesorojn. Nun la katolikoj decidis, krei vere laŭtempan katolikan sciencan-centron per fondo de katolika universitato. Grandega propagando-sukcesplena estas komencita. La universitatoj dum 1920/21 nombris entute 5418 studentojn, inter ili 692 katolikoj, t. e. proksimume 12%; ili formas 8 studentajn grupojn katolikajn, kiuj estas kunligitaj al unu Centra Unio. La nombro de la katolikaj studentoj kreskas. Kemme.

**El Hispanujo.** Gazetara propagando laŭsistema. En la seminario de Sevilla troviĝas la centro de la katolika gazetara helpservo inter la studentoj de l' teologio: „Centrejo de Propagando Ora et Labora". Ankaŭ tiu unuiĝo inter studenta apartenas preskaŭ ĉiuj hispanaj seminarianoj (10.000). La unuiĝo alcelas la organizatan edukon de la estontaj pastroj por la propaganda servo de la katolika kredo pere de katolikaj gazetoj. Pro tiu celo ĝi aranĝas somerajn kursojn, kie oni instruas pri verkado de taŭgaj artikoloj kaj laŭsistema propagando. Dum la 1920a somero tiamaniere estas skribitaj proksimume 1500 artikoloj nur de seminarianoj. Giralt.

## Libera tribuno.

2. La lingvo de Internacio Katolika.

Pli kaj pli mi komprenas la gravan signifon de la decido de la Grazaj Konferencoj, kiuj estonte ankaŭ al ne-esperantistoj ebligos efike partopreni en niaj kongreslaboroj.

Pli kaj pli ĉiuj vidos kaj konstatos, ke la sekvoj de la decido pri la kongreslingvoj estos gravegaj kaj tre favoraj por la kreskado de nia Internacio Katolika. Anstataŭ altrudi la esperantan lingvon, nun ni tiregas la kontraŭulojn al Esperanto ne per niaj por ili enuigaj paroladoj poresperantaj, sed per la forte instiganta ekzemplo.

Por la estontaj kongresoj la lingva problemo estas tute solvita.

Ne tamen solvita estas tiu problemo por nia gazeto.

Pri tio mi nun volas skribi kaj fine fari decidan proponon.

Nia Ika bezonas gazeton. La apero de tiu gazeto estu kiel eble plej ofta. Pri tio ni ne bezonas diskuti.

La gazeto tamen bezonas legantojn.

La nombro de tiuj legantoj estu kiel eble plej granda.

Estas la grava devo de ni ĉiuj grandigi la abonantaron. Por plenumi tiun devon, ni devas voli la rimedojn.

Inter tiuj rimedoj troviĝas ankaŭ la forigo de bariloj al nia gazeto.

Unu el tiuj bariloj estas (bedaŭrinde) la nur-esperanta lingvo.

Demandante iun, ĉu li volas aboni, ni aŭdas la respondon: ne, mi dankas, ĉar mi ne povas legi ĝin.

Fanatika esperantisto tiam respondus: „Nu, lernu Esperanton kaj post tio abonu!"

La certa rezultato estos, ke tia persono ne lernos Esperanton kaj do ne abonos.

Kompreneble!

Precipe tiuj, kiuj lernis aliajn fremdajn lingvojn, en tiu okazo rifuzos lerni Esperanton, unue ĉar ili opinias (egoisme) ne bezoni novan lingvon, due ĉar la maniero por varbi ilin estas malo de diplomatio.

La poresperanta propagando estas psikologia problemo kaj la manko de psikologia scio estas ĝenerale la ĉefkaŭzo de malsukceso.

Persono silente leganta esperantan libron aŭ broŝuron kaŭzas pli efikan propagandon ol parolante pri Esperanto.

La psikologian flankon de la lingva problemo por la kongreso komprenis kaj pro tio ili konvinkite akceptis la plilingvecon, plejfavorante samtempe la mondhelplingvon.

Tiamaniere ni ankaŭ faru rilate al nia gazeto. Mi pruvas, ke tio estas la ununura preciza maniero.

Kio okazos, se ni nur esperante presigos Katolikan Mondon?

Tiam la abonantaro nur konsistos el esperantistoj. La katolika esperantistaro estas ĝis nun tre malgrandnombra rilate al la pli ol tricentmilionoj de katolikoj en la mondo. Plue inter la esperantistoj ankoraŭ ne troviĝas multaj ekleziaj aŭtoritatoj kaj laikaj granduloj, kies kunlaborado nepre estas necesa por sukcesigi la Ika. Tiujn personojn forpuŝi per la uzado de nur-Esperanto ni ne rajtas.

Mallonge: unue ni devas gajni ilin por la Internacio Katolika kaj poste por Esperanto.

Tion ni ne atingos nur uzante Esperanton.

Pro tio la vivo kaj kresko de Ika postulas: allasado de aliaj lingvoj en „Katolika Mondo", plej favorante samtempe Esperanton, sed ne altrudante ĝin.

Kiujn aliajn lingvojn ni allasu? Post grava kaj profunda pripensado mi proponas jenon:

Por ĉiu artikolo ni allasu du lingvojn nome Esperanton kaj la patrinan lingvon de la aŭtoro de la artikolo; la lasta lingvo tamen devas esti de sufiĉe grava signifo en la mondo. La redakcio prijuĝu tiun signifon kaj decidu. La limigo de la nombro de la lingvoj ne ŝajnis al mi dezirinde pro prudenteco. Nun oni juĝu kaj decidu.

Hoofddorp (Nederlando). P. Heilker.

Al no 2. La problemo estas vere grava, la propono diskutinda. Tamen al mi ne ŝajnas necesa, ankaŭ ne praktikebla la propono.

K. M. en la hodiaŭa formo ne estas nur por Esperantistoj. Se la verkistoj skribos en siaj naciaj lingvoj, la artikoloj aperos en Esperanto-traduko, la verkistoj ne-esperantistaj povos kunlabori. Kaj la legantaro? Personoj ne studintaj kelkajn lingvojn ne ŝatos K. M. enhavantan artikolojn en kelkaj lingvoj, ĉar ili ne komprenos ĝin. Do ili profitas nenion. Kontraŭe verŝajne multe da hodiaŭaj legantoj ankaŭ ne plu ŝatos K. M. skribitan en multaj lingvoj al ili ne konataj. Do K. M. riskos sidi inter du seĝoj, perdante multajn ĝisnunajn, ne gajnante novajn abonantojn. Personoj scipovantaj diversajn lingvojn estas malmultaj, do de ili gazeto ne povas esti subtenata. Aliflanke tiuj-ĉi facile jam post kelkaj horoj povos legi K. M. Ni nur bezonas ilin konvinki pri tio. Mi jam ofte nun agis tiamaniere kun sukceso: al personoj influhavaj kaj lertaj mi rakontis pri nova vere internacia katolika gazeto, nenion menciante pri Esperanto. Ili interesiĝis. Mi montris K. M. Tuj la respondo de surprizo: „mi ne konas la lingvon." „Tamen vi povos legi!" mi respondis kaj komencis traduki kun ili la unuan artikolon de K. M. (enhavante multajn konatajn radikojn). La leganto ĉiam estis surprizita pri la komprenebleco de Esperanto, kaj kelkaj tuj mendis K. M. kaj Esperanto-gramatikon. Tio devas esti la metodo por varbi ĉiujn al nia organo.

Ĉiu solvo hodiaŭ estas kompromiso, ne kontentigante ĉiujn. Al mi ŝajnas, ke la hodiaŭa kompromiso kontentigas la relative plej grandan parton da interesiĝantoj kaj kondukos pli certe kaj pli baldaŭ al la celo. Dr Metzger.

(Oni atendas aliajn diskutantojn pri la problemo. La redakcio.)

## Internacia poŝto.

Sro S. Germ. Kiu estas la famkonata Sro „Oni"? Ĉiam la disvastigantuloj de malveraĵoj diras: „oni" aŭdas, „oni" rakontas, „oni" diras. Ni urĝe petas la Sron „Oni", ke li bonvolu pli ekzakte informiĝi kaj tiam diri la veron! Ĉu ne?

Sro N. Sil. Ni neniel daŭrados la publikan diskutadon. Estas absolute senutila. Cetere multaj samideanoj protestis pri la stranga metodo. Tamen ne ŝajnas konvena kritiki publike pri tiuspecaj delikataj temoj: La superuloj sendube havas bonan intencon! Sed la informantuloj! Estu senzorga, la vereco venkos!

Sro P. Germ. Jes; „Esperanto Triunfonta" havas pli ol 3000 abonintojn! La aliaj kunhelpos. Kaj ni katolikoj? Se ni estus unuigitaj, ni povus havi la saman nombron kaj ankaŭ dusemajnan grandan gazeton. Pensu nur. Se 100 nederlandaj samideanoj estus abonintaj K. M.! Unue la financa fundamento kaj tiam plioftigi. Alie la tuta domo ruiniĝas. Pacienco kaj laboro!

Al multaj. Poemaĵojn ni ne publikas en K. M., nek bonajn nek malbonajn! Sed bonstilajn novelojn kun taŭga enhavo ni serĉas. La eldono en nia internacia „libretaro" estas eble laŭ interkonsento. Kompreneble ni ne povas diri, ĉu la novelo estas taŭga antaŭ ricevi la tekston. Kiu deziras la resendon de la manuskripto, almetu la necesajn poŝtmarkojn.

E. F. en Usono. Jes! Ni ne nur permesas, sed deziras la represigon de artikoloj el Katolika Mondo en naciaj gazetoj. Per tio ni povos montri la veran utilecon de nia Ika kaj de Esperanto por la katolikaj interesoj. Kompreneble ni deziras la citon de „K. M." kiel fonton de ia scigo publikita el ĝi.

A. en Svisujo. Ni korege dankas al vi por via plifoja oferema helpo! Vi bone komprenis, ke nia granda entrepreno ne povas sukcesi sen helpo de ĉiuj, precipe de la samkredanoj en altvalutaj landoj. Bedaŭrinde ne multaj agas kiel vi. Tre multaj ĝojas pri nia agado kaj gratulas nin je niaj sukcesoj, sed ili ŝajne pensas, ke la C. A. O. kaj ties profesiuloj vivu de la aero! Ni vere estas modestaj en la vivtenado! Ni ĉiuj vivas sen alkoholo, sen fumado, sen viando ktp. Sed kalkulu mem: simpla laboristo hodiaŭ potage havas salajron de 1500 ĝis 2000 *K* (kiun salajron li vere bezonas). Nun, ni estas kvin por Ika laborantaj profesiuloj. De kie ni havigu al ni la necesegan monon por simplege vivi kaj labori? Certe, niaj amikoj en aliaj landoj, kiuj per proporcie malgrandaj donacoj jam multe povos helpi nin, estonte pli ol estinte apogos nian laboron, kiam ili konos nian situacion!

Al Sro N., Usono kaj multaj aliaj. Vi eraras, se vi kredas, ke nun oni povu malpligrandiĝi la Ika-kotizon kaj la abonprezon por K. M. Certe unu dolaro valoras nun eble 5000 *K*. Sed vi devas pripensi, ke ĉiuj kostoj por ni kvinoble plialtiĝas. Do la afero estas tute la sama kiel antaŭe!

Al Sro H., Germanujo. Vi pensas, ke la abonprezo por Germanujo estas tro alta. Kontraŭe! Li estas tro tro malalta. Ĉar unu ekzemplero de K. M. (papero, pres- kaj forsendkostoj) kostas por ni mem pli ol 30 *K*!

Al Sro B. Br. O. H. Dankon! Tio estas praktika helpo, sendi abononon por K. M. Vivu imitontoj!

Sro N., Germ. Jes vi tre bone divenis koncerne la publikigon en Esperanto Praktiko. Estas vere nova metodo de batalado inter katolikaj fratoj. Vi miras, ke Sro H. tiamaniere emas personajn atakojn. Ni miras nenion plu. Sed lasu lin diri malveraĵojn kaj ripeti personajn atakojn. Vanaj diraĵoj sen certaj argumentoj ne tuŝas nin. Kiu ne havas objektivajn kaŭzojn, sed ĉiam nur uzas personajn riproĉojn kontraŭ la saman personon, per tio jam pruvas la fonton de la atakemeco. Ni jam plej ofte konstatis, ke ni nenion alian alceladas ol servi la sanktan eklezion. Cetere diras germanlingva proverbio: Menzogoj havas mallongajn krurojn. K.



## Komuniko de la CAO.

Varbmaterialo.

Novaj flugfolietoj de Ika estas eldonataj en la lingvoj angla, franca, germana, itala kaj en Esperanto.

Por la germanlingva teritorio estas publikata kvarpaĝa flugfolio tre taŭga. Plue aperis en germana lingvo la broŝureto: La granda kulturbatalado kaj la tutmonda organizo katolika. La broŝureto (24 paĝoj) povas esti eldonata senkondiĉe en ĉiu ajn lingvo.

Oni mendu ĉe CAO, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo.

## ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por kolekto de 10 numeroj, kies livero estas garantiita de la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilo 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 10 g. mk. Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Aŭstrujo, Hungarujo, Polujo 100 kr. aŭstr., hung., p. mk. ktp.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni poŝtulu postpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**NB. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

Aŭstrujano, kiu en Nederlando okupadon trovis kaj nenian vojaĝmonon posedas, petas bonfaremulojn je subteno per eksterlanda valuto. Mono estu bonvole sendota al St. Theresia, Wien, I., Kleeblattgasse 7/II.

Sro Wenzel Wagner, kalkulisto en Ladowitz, Ĉeĥoslovakio serĉas amikon, kiu estas bona Esperantisto kaj havu afablecon, kun li korespondadi kaj atentigi lin je gramatikaj eraroj, ĉar li antaŭ ne longe lernis Esperanton.

Sro Walter Mudrack, Wien, XV., Gebrüder Lang-Gasse 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi pri mondpaco en Esperanto, germana kaj ĉeĥa lingvoj.

Sro Józef Zakszewski, Czestochowa, „Czestochowianka" Polska deziras interŝanĝi postmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant[in]oj de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj ilustritaj. Sro August Goreck en Perleberg, Westfalen. Germanujo.

Hanns Sappl, prof. de Esperanto, ĉefsekretario de Moka, Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5, deziras korespondi pri katolika junula kaj Esperanto-movado tutmonda.

## Anoncoj.

La prezo por anoncoj egalas po kvadratcentimetro la prezon de unu numero de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto. Por grandspacaj aŭ pli ofte presigotaj anoncoj rabato ĝis 40%; plue por abonantoj de K. M. speciala rabato de 20%.




Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presiatejo: „Styria", Graz.